XXXIV-a Jaro — N-ro 464 (10) — 31 Majo 1938





# ESPERANTO

**Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio**


# Perlo de nia literaturo :

## Van Loon : Rigardu la teron

Sendube la plej atentinda verko aperinta en 1937 estas la ampleksa geografia libro de H. W. van Loon, *Rigardu la teron*.

Tiu ĉi libro, aperis originale en angla, estis tradukita en pluraj lingvoj kaj fariĝis ŝatata.

La malnovstila instruado de geografio kaj historio, ne kapablis kulturi konstantan interesiĝon ĉe la publiko. Pruvas tion simpla provo, demandante sisteme personojn ĉirkaŭ si pri plej elementaj okazaĵoj historiaj aŭ pri praktika geografio. Groteskajn citaĵojn oni povas trovi dum atenta legado de taggazetoj. Kaj rilate ĝeneralan scion pri situo de lokoj, ĉefaj montoj kaj riveroj, la malapero de la iama lernitaĵo estas plorinda.

Prezenti la materion al distriĝema kaj lernema legantaro en plaĉa formo, estas talenta faro. Ĝin sukcesis mirinde la verkinto kaj al ĝi la libro dankas la ŝaton kiun ĝi trovis. Sur 450 paĝoj grandformataj la aŭtoro instruas do geografion, ne por ke leganto fariĝu profesoro pri tio, sed por ke li ricevu ĝeneralan scion, aŭ ke li rememorigu tion, kion li forgesis.

La Antaŭparolo precizigas tre bone la rolon de la verko :

*. . . Jes, sed kion vi diras pri geografio ? Ne, mi ne volas nur novan geografion ! Mi volas havi mian propran geografion : geografion, kiu diras al mi, kion mi volas scii kaj ellasus ĉion alian, kaj mi deziras ke vi verku tian por mi. Mi vizitadis lernejon, kie oni konsideris tiun temon tre serioze. Mi ellernis ĉion pri la diversaj landoj, kaj kiel estas limigitaj ; kaj pri la urboj, kiom da loĝantoj ili havis, kaj mi lernis la nomojn de ĉiuj montoj, kaj kiel altaj ili estas kaj kiom da karbo estas eksportata ĉiujare kaj mi forgesis ĉiujn tiujn aferojn ĝuste tiom rapide, kiom mi ellernis. Ŝajnas, ke ili ne rilatas al si reciproke. La rezulto ŝajnas ia fuŝmikso el malbone digestitaj rememoraĵoj, kvazaŭ muzeo troplenigita per bildoj ; aŭ kvazaŭ koncerto, kiu tro longe daŭris. Kaj ili tute ne utilis al mi, ĉar kiam ajn mi bezonis konkretan fakton, mi devis elserĉi ĝin sur landkartoj, atlasoj, enciklopedioj kaj blu-libroj. Mi supozas, ke multaj aliaj same suferas.*

K.t.p., k.t.p.

Kaj kiel sukcesis nun la verkinto ? Per amuzaj komparoj, trafaj citaĵoj, humoraj aludoj, pikaj ŝercoj, li vivigas la temon. Gustumu la komencon :

*Ŝajnas nekredeble, tamen, kio sekvas, estas vera. Se ĉiu en tiu ĉi mondo nia, estus 180 centimetrojn alta kaj 45 centimetrojn larĝa kaj 30 centimetrojn dika (kio taksus la grandecon de homoj iom pli ampleksa ol ili kutime estas) en tiu okazo la tutan homaron (kaj laŭ la lastatempe havebla statistiko ekzistas nun ĉirkaŭ 2.000 milionoj da devenintoj de la origina* Homo sapiens *kaj lia edzino), oni povus paki en keston, kiu laŭ mezuro estus unu kilometron longa ĉiudirekte. Tio, kiel mi jus diris, ŝajnas nekredebla, sed se vi ne kredas min, bonvolu mem kalkuli kaj vi trovos ĝin korekta.*

Sur 80 paĝoj la verkinto evoluas laŭ sia maniero la estiĝon de la terò, tiel kiel ni ĝin konas (aŭ ne konas !!). La ceteraj 370 paĝoj estas dediĉataj al tio, kion oni povus nomi la « praktikan geografion ». Pri Italujo li diras interalie :

*Kontraŭe, Italujo estis feliĉa, ĉar ĝi estis duoble naturdotita : unue ĝi estas kvazaŭ insulo, ĉirkaŭata de maro ĉe tri flankoj, kaj due, ĝi evidente estis parto de la grundmaso de norda Eŭropo. Ni ofte ne rimarkas tiun fakton kaj parolas pri Hispanujo Grekujo kaj Italujo, kvazaŭ ili iom similus unu la alian. Hispanujo kaj Grekujo havis komunajn ecojn. La Pireneaj kaj Balkanaj montaroj estis netraireblaj baroj inter la nordo kaj sudo. Sed la vasta Po-ebenaĵo sterniĝis supren ĝis la koro de Eŭropo. La ekstremnordaj urboj de Italujo ĝuas pli altan latitudon ol Genève aŭ Lyon eĉ Milano kaj Venezia havas pli altan latitudon, ol Bordeaux aŭ Grenoble, dum Florenco, kiun nevole ni rigardas kiel la veran koron de Italujo estas preskaŭ en sama linio kun Marsejlo.*

Kaj pli poste :

*Tial, Italujo povis ludi duoblan rolon — de mara nacio, superreganta la Mediteraneon, kaj de kontinenta potenco konkerante kaj ekspluatante la reston de Eŭropo.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . .

*Italujo donis la unuan koncepton pri leĝo kaj ordo, Italujo montris ankaŭ la avantaĝojn de la duoncivilizita vivo super la necerteco kaj malpurego de la nur nomada ekzisto.*

Kaj tiel plu.

La titolo de la ĉapitro pri Aŭstrio sonas :

*Aŭstrio la lando kiun neniu sufiĉe altetaksis, ĝis kiam ĝi ne plu ekzistis.*

Tio rilatas al la estinta habsburga Monarkio. Skizinte la estinton kaj venante al la Aŭstrio malgranda, la verkinto diras :

*La Granda Milito subite ĉesigis ties riĉon kaj gloron, la lando nun nomata Aŭstrio, neniel similas la imperion kies kapo ĝi estis ĝis nur antaŭ kelkaj jaroj. Ĝia estonteco estas tute malantaŭ ĝi. Nur laŭnome ĝi estas ŝtato. La malpermeso, flanke de la francoj, ke ĝi aliĝu Germanan Respublikon estis ĝia lasta esperradieto. Restas nenio alia, ol ke oni eble penu ĝin aŭkcie forvendi. Sed kiu ĝin aĉetus ?*

(La respondon je tiu ĉi demando oni nun facile povas doni ĉu ne ?)

———

Entute amuza kaj bona libro. Sed estas ankaŭ partoj, pri kiuj objektiva leganto faras ne nur demandsignon, sed simple skuas la kapon. Ekzemple pri Ĉeĥoslovakio, lando nun en la fokuso de la intereso tutmonda. Estas la XXIV-a ĉapitro de la libro. Ĝia titolo jam esprimas malŝaton : *Ĉeĥoslovakio, fabrikaĵo de la Versajla Traktato.* Tio supozigas, ke la Ĉeĥoslovaka Respubliko estis kreita de la grandmoŝtoj en Versailles 1919. Erarego ! La tuta ĉapitro pri la ĈSR montras tioman malbonvolon, tioman malŝaton al la plendindaj ĉeĥoj kaj ankaŭ tiom grandan malklaron de faktoj, kian oni ne atendus de la verkinto, konsultinte ja centojn da libroj.

Ekzemple :

*Ĝi estas artefarita ŝtato. Oni donacis al ĝi la aŭtonomion kiel rekompencon, ĉar ĝi forlasis la Aŭstrian Imperion dum la monda milito, kaj kvankam ĝi nun konsistas el tri partoj, Bohemio, Moravio kaj Slovakio, estas tre malfacile profeti, ĉu ĝi povos postvivi per si mem.*

Kaj plie :

*Sed Ĉeĥoslovakio mem konsistas el tri malsamaj slavaj grupoj, kiuj, parenteze, malamas unu la alian, kaj la problemo ankoraŭ komplikiĝas pro la 3,000,000 da germanoj, devenintoj de teŭtonaj enmigrintoj kiuj en Mezepoko transloĝiĝis al Bohemio por helpi en la disvolvo de la mineralaj riĉaĵoj de la Erzgebirge kaj la Bohema Arbaro.*

Sed la plej stranga inter ĉiuj strangaĵoj estas la jena :

*Por la profito de tiuj, kiuj intencas vojaĝi en Ĉeĥoslovakio, mi aldonu, ke Prag ne plu situas ĉe la rivero* Moldau, *kiu enfluas al la* Elbe, *sed ke* Praha *estas lokita ĉe* Vltava, *ke* Pilsen, *kien oni iras por trinki bieron, estas nun* Plzen *(kien oni ankoraŭ iras por trinki bieron) kaj ke kiuj ne trinkis, sed kutimis tromanĝi, ne plu kuracas sin en* Karlsbad, *sed en Karlovy Vary, kaj ke kiuj preferis* Marienbad' *on nun iras al Marianske Lazne.*

Kaj tiel plu.

Nu, la ĈSR estas frukto de penado longjara kaj bazita sur la rekono de l'rajto al ĉiu popolo, destini sian sorton mem. Unu el la famaj punktoj de Prezidanto Wilson, ĉu ne ? Kaj pri la *donaco,* ni nur rimarku, ke la ĉeĥoslovakaj legioj batalis por idealo, kaj la popolo ĉeĥoslovaka repagas al la aliancanoj de la 1914-1919, la kostojn de la liberiĝo.



La granda Kanjono en Kolorado, Usono, kun la kesto, kiu entenas la tutan homaron

Ke la tri slavaj gentoj sin malamas unu la alian, oni ne rimarkas restante en tiu ĉi lando. Ke ekzistas malsamaj vidpunktoj, mondperceptoj kaj partioj, kiuj batalas inter si per la sendanĝeraj rimedoj de inko kaj papero, ĉu tio estas speciala trajto de la ĈSR ?

La stranga rimarko pri la loknomoj meritas atenton. Speciale inter Esperantistoj, kiuj defendas la rajton de la propra lingvo — eĉ se ĝi kelkfoje ne plaĉas al la momentaj mastroj. La nomoj kritikataj de l'aŭtoro estas ĝuste tiuj de la gento okupinta la teritorion de jarcentoj. Ke la germanlingvanoj nomis riveron Vltava, *Moldau* estas ilia rajto, same pri *Prag,* kaj ceteraj loknomoj. Sed same nekontesteblan rajton posedas la aŭtoĥtonoj slavaj konservi la nomojn kiujn ili fine donis al la lokoj.

Parolante pri lok- kaj landnomoj ni rimarkas en la priparolata verko, do en la traduko, konfuzigan uzon. Foje nacilingve, kiam estas bona konata transskribo esperanta : Venezia (Venecio) foje fremdlingva : Cologne por Kolonjo, Franconia anstataŭ Frankonio. Torunjo por Torun aŭ Thorn estas strangaĵo. Rivero Meuse estas nekonata al multaj, same Maas. La korekta nomo de tiu ĉi rivero en Esperanto estas Moso.

Citinda kaj salutinda estas la multegaj bildoj en- kaj ekstertekstaj, kaj koloraj. Tiuj mankas en la franca eldono (La Nouvelle Géographie). La ilustraĵoj estas konformaj al la teksto : viglaj kaj instigantaj je pripenso.

La traduko estas ĝenerale bona, fidela al la originalo. Por faciligi komprenon, la tradukinto aldonis aron da piednotoj, tute laŭcelaj.

Resume : Impona libro, ornamo de ĉiu biblioteko esperantista, taŭga propagandilo por dokumenti valoron de nia libraro.

La eldonisto bone trafis, elektinte ĝin. Ke ĝi trovu saman disvastiĝon kiel aliaj tradukoj estu rekompenco por tradukinto (Georgo Saville) kiel por eldonisto (AELA, Budapest).

G. AGRICOLA.

# ◆ El scienco kaj tekniko ◆

## Instalaĵoj

**permesantaj krei en koncernaj urbaj institutoj kuracajn kondiĉojn, similigitajn al la kondiĉoj en la montaj altaĵoj.**

### De Ignaco Mościcki

**Referaĵo, prelegita dum konferenco, okazinta en la Reĝa Kastelo en Varsovio la 26-an de Januaro 1934. La konferencon partoprenis, laŭ invito de la Prezidanto de l'Pola Respubliko, reprezentantoj del'medicina kaj fizika sciencoj**

**Kun permeso de l' aŭtoro tradukis Edvardo Wiesenfeld, L. K.**



*Ni komencas publikigi sciencan referaĵon de Profesoro Moscicki, prezidanto de l' Pola Respubliko.*

*Profesoro Moscicki vivis en Londono kaj Svislando; en Friburgo li fondis laboratorion ĉe la Fizika Instituto; pli samloke li kreis fabrikejon por produkti azoton laŭ propra metodo. Ĝis lia elekto al la plej alta ofico de l' ŝtato, Prof. Moscicki direktis la fabrikejojn por azoto en Chorzów. (Redakcio).*

Kiel unu el plej gravaj faktoroj de l'progreso — okazanta ĝuste en tre multaj vivo-sferoj kun rapideco tiel granda, kiel neniam antaŭe — oni povas agnoski la fakton ke unu scienc-branĉo ekzakte kunlaboras kun la dua kaj reciproke ili sin influas.

Tiel ekzemple la nuntempa industri-tekniko ŝuldas sian disvolviĝon al la ĉiam pli proksimaj rilatoj kun matematiko, fiziko kaj ĥemio. Same la nuntempa agrikulturo konstruas siajn progresojn sur multaj sciencoj aplikitaj, kaj antaŭ ĉio sur la akiraĵoj de ĥemio kaj mikrobiologio. Sur la evolucio de l'elektroteikniko apogis sian ekziston kelkaj grandsignifaj fakoj de la ĥemia kaj metalurgia industrio, ankaŭ la radio kaj kinematografio realiĝis en nia epoko dank' al la disvolviĝo de la elektroscienco.

Similajn ekzemplojn oni povus citi multe pli.

Eble do ne estos seninteresa mallonga priparolo de certaj laboroj, faritaj en la amplekso de l'scienco kaj kompetenteco de fizikisto, kaj povantaj havi pozitivajn valorojn sur la kampo de l'aplikita medicino, precipe, se tiu sama temo estus prilaborita detale kaj praktike de kuracistoj.

La temo, pri kiu mi hodiaŭ deziras eldiri kelkajn rimarkojn, ekinteresigis min — komence hazarde — ankoraŭ antaŭ tri jaroj.

Ĉar la bonfara efiko de l'montara aero je la homa organismo estis konata ekde nememoreblaj tempoj kaj ĉiu el ni — precipe post periodo de streĉa spirit-laboro en malfavoraj kondiĉoj urbaj — spertis persone la bonajn efikojn de l'ripozado en montaroj, tial altrudis sin por fizikisto la alloga tasko krei en la urbaj apartamentoj kondiĉojn, kiel plej eble similigitajn al tiuj, kiujn donas al ni la montaraj altaĵoj.

Analizante la specialajn atmosferajn kondiĉojn, kiujn ni renkontas en la montaroj, ni povas konstati, ke koincidas tie la jenaj faktoroj :

1) speciala pureco de l'aero ;

2) kaŭze de ĝuste tiu aer-pureco la spektro de l'sunaj radioj enhavas grandan kvanton da ultra-violaj radioj, dank' al kio la montara aero estas plej altgrade jonizita ;

3) tiu ĉi aero enhavas tre malgrandajn kvantojn da ozono ;

4) fine, en la mont-altaĵoj ni renkontiĝas nature kun malaltigita aer-premo.

Tiun lastan faktoron, t.e. la malaltigitan premon mi ne intencis rekrei artifike. Se eĉ ne preni en konsideron la pure praktikajn kaŭzojn, nome la tre seriozajn malfacilecojn por efektivigi tiun problemon, do tamen jam la preparaj prikonsideradoj permesis trafe supozi, ke tiu ĉi faktoro ne povas ludi rolon konsiderindan. Ĉar simile al la montara atmosfero, ankaŭ la apudmara klimato evidentigas utilan sanigan influon, malgraŭ ke ni ja havas tie aerpremon pli altan ol normalan ; tamen, dank' al la pureco de l'atmosfero, la sun-radioj — same kiel tio okazas en la montaroj — aliras nin kun granda enteno de mallongaj lum-ondoj, kaj tio estas la plej grava.

La tri ceteraj, el la menciitaj faktoroj, estis objektoj de eksperimentaj provoj.

Kiel eksperiment-loko estis elektita mia kabineto en tiu-ĉi kastelo, kie mi preskaŭ konstante estadas kaj laboras, sekve mi mem povis konstati la rezultatojn kaj progresojn de la provoj.

Koncerne la unuan taskon, t.e. alkonduki en mian kabineton tute puran aeron en kvanto de ĉirkaŭ 500 m³ dum horo, ne estis iaj specialaj malfacilecoj ; mi havis la eblon profiti de la multnombraj eksperimentoj, akiritaj dum longjara krea laboro, dum kiu mi manovris per grandaj gas-kvantoj, atingantaj iafoje ĝis 30.000 m³ dum horo. La solvo de l'tasko por tiu celo estis originala, kaj liveras aeron liberigitan de ĉiuj ajn restaĵoj, eĉ de bakteriaj, kaj ankaŭ liberigitan de diversaj gasaj malpuriĝaĵoj, kiel $NH_3$ (amoniako), $SO_2$ (sulfida anhidrido), $H_2S$ (sulfhidrato) ktp. Krome, la aplikita ĉi tie instalaĵo permesas libere reguligi la humidecon[1] en la aero kiel ankaŭ la aer-temperaturon enirantan en la ĉambron. Eĉ dum la plej grandaj varmegoj oni povas havi tiamaniere ĉiun ajn deziratan malpli altan temperaturon en la ĉambro kun enteno de laŭdezire malgranda humideco en la aero. Tiu ĉi cirkonstanco ŝajnas havi certan signifon, se oni akceptos en konsideron, ke ekz. en la Unuigitaj Ŝtatoj Amerikaj, kie dum grandaj varmegoj oni aplikadis la enkondukadon de malvarmigita aero en la loĝejojn, oni ricevis negativajn rezultatojn por la sano (oftajn nazkatarojn), ĝuste pro la samtempa kresko de l'relativa humideco en la aero.

Kiam do antaŭ du jaroj vintre estis kunmuntita kaj ekmoviĝita la menciita instalaĵo, mi havis je mia dispono en la eksperimenta ĉambro tute puran kaj freŝan aeron. Mi povis ankaŭ konstati, ke eĉ multpersonaj konferencoj kun forbrulo de tre multe da tabako en tiu ĉi ĉambro, ne povis dum funkciado de la instalaĵo, eniganta ĉirkaŭ 500 m³ da purigita aero dum horo, difekti la sentiĝantan agrablan freŝecon de la atmosfero. Kaj, dum antaŭe post tut-taga laboro kaj diversaj konferencoj, oni sentis vespere grandan laciĝon kaj certan pezecon, do kontraŭe post la menciita atmosfer-ŝanĝo, cedis tute la aluditaj fiziologi-suferoj, malgraŭ la identaj streĉ-laboroj.

Tamen la estado kaj spirado en tia tute pura aero ne alportis tiun videblan helpon en kazo de kataroj ; kaj mi ja tamen bone memoras el la tempoj de mia laborado en Svisujo, kiel eksterordinare rapide la montara aero kuracadis ĉiujn katarojn.

Mi do decidis provi dum la sekvanta esplor-etapo la efikon de l'ozono. Delonge iel ekzistas inter multaj homoj la opinio, ke ozono posedas certajn kuracajn kvalitojn nome, ke ĝi ludas desinfektan rolon por la spir-kanaloj. Kaj efektive en la montaroj, dank' al pli intensa sunradiado, ni renkontas ĉiam certajn, kvankam ne grandajn kvantojn da ozono.

Jam la preparaj esploroj evidentigis, ke la enesto de 4 miligramoj da ozono en unu kub-metro da aero sentebliĝas multe pli forte, ol tio okazas en atmosfero natura. Eĉ kiam la kondiĉoj por kreiĝo de l'ozono estas plej konvenaj. Tial, volante similigi la ozon-koncentraĵon al la naturaj kondiĉoj, al kiuj oni havas sur la bazoj de multcentjaraj eksperimentoj plej grandan fidon, oni devas tre forte malpliigi la kvanton da ozono, aldonata al purigita aero. Sed tiam ni jam havas aferon kun tiel malgranda koncentraĵo de l'ozono, ke en tiuj kondiĉoj estas malfacile atendi ian ajn desinfektan agadon de l'ozono.

*(Daŭrigo en sekvonta numero).*

[1] Malsekecon. — En la plua teksto mi uzas jam nur la esprimon « malsekeco » anst. « humideco » E. W.

# Literaturo

## La miraklo de la deksep ĉevaloj

Kiam Sidi Abdullah atingis la finon de sia dornoplena vivovojo kaj troviĝis jam en la molaj brakoj de la ĉielaj ĉarmulinoj, regis granda funebro en la tendoj de siaj tri filoj. Sed la iro de l' mondo ne estas haltigebla de vivanto kaj ankoraŭ malpli de mortinto. Kaj kiom profunde estis la funebro de la tri filoj, tamen ekkomencis vidiĝi la deziro, akcepti la heredaĵon de l'mortinto.

Deksep belegaj ĉevaloj li postlasis al ili, bestoj de plej pura deveno, kies rapideco, kuraĝo kaj persisto jam fariĝis proverbaj. En sia testamento Abdullah difinis, ke la pli maljuna filo heredu la *duonon* de la aro, la dua unu *trionon* kaj la plej juna, unu *naŭonon*.

La tri junaj araboj kondukis la tri bestojn en la kortegon de la karavandomo, por procedi al la divido. Ili komencis kalkuli kaj kalkuladi ĝis la kapoj doloris. Sed ili ne kapablis plenumi korekte la deziron de l' patro.

Ibrahim, la plej aĝa, malespere levis la brakojn kaj diris :

« La duono de deksep estas ok kaj duono. Tio estas neŝanĝebla. Sed je kio utilus dividi ĉevalon ! La kolero de Allah nin persekutus ĝis nia vivofino, se ni farus tian krimon ! »

« Sed tio estas ankoraŭ nenio » diris Ali, la dua filo. « Triono de deksep estas kvin kaj du trionoj. Ĉu estis la volo de l' patro ke ni trionigu unu el ĉi tiuj belegaj bestoj ? »

Kion diris la plej juna el la tri fratoj ne estas komunikebla. Naŭa parto de deksep ĉevaloj estus nura haĉita viando.

« Aŭskultu, fratoj, komencis Ibrahim, duona ĉevalo utilus al neniu. Donu al mi naŭ kaj dividu vin en la resto ! »

« Tio mankus ankoraŭ ! » ribelis la aliaj. « Ĉi jam heredis la pli grandan parton de la aro kaj vi ne kontentiĝas. Kaj cetere — kial ĝi malrespektu la deziron de la kara mortinto ? »

La disputado jam venis al interbatado preskaŭ. Ĉiuj tri ruĝiĝis kaj rigardis sin kun ardantaj okuloj. Jen venis Mohamet Ben Ibrahim inter ili. Kiam ili vidis la saĝulon, ili paliĝis honteme pro la laŭtega kriado kaj silentis.

« Pro kio vi interdisputas, junuloj ? » demandis Mohamet. « Ĉu tiel vi honoras la memoron de via brava patro ? Kio okazis, ke vi malpaciĝis ? »

Ibrahim ekparolis kaj klarigis al la saĝulo la dilemon. Tiu ĉi mutiĝis, ekpensis. Baldaŭ li levis la kapon kaj diris jene :

« Aŭskultu min bone vi krieguloj ! Via patro provis vin, sed vi ne sukcesis la provon. Sed Allah per sia saĝeco inspiris min. Mi solvos la problemon je via favoro kaj bono. Mi estas malriĉa homo kaj posedas nur unu ĉevalon. Pro dankemo je via estiminda patro, mia dumviva amiko, mi volas donaci al vi la beston, por ke vi povu plenumi sian deziron kaj disiri en paco. Allah estas justa kaj se estas lia volo, li ankaŭ montros al mi kiel mi rehavos ĉevalon ! »

Impresitaj de tia grandanimeco la fratoj prenis la ĉevalon de l'saĝulo kaj kondukis ĝin al la propraj. Kaj tiam ili komencis la dividon. Ibrahim elektis la duonon de la aro, kiu apartenis al li : naŭ ĉevaloj. Ali, la dua frato prenis la trionon, je kiu li rajtis : ses ĉevaloj. La plej juna frato prenis la kolbridojn de la du ĉevaloj kiuj reprezentis la naŭonon kaj volis foriri.

Sed jen . . . henante staris sola la ĉevalo de la saĝulo kaj skrapas la teron senpacience.

« Sed je ĉiuj diabloj ! kriis Ibrahim. Ĉu vi ne scias kalkuli ? kiu forgesis unu ĉevalon ? »

« Mi havas ses — Mi havas la miajn du ! » sonis la duobla respondo.

« Kaj mi havas naŭ », respondis Ibrahim. « Kaj tamen, restas la ĉevalo de Mohamet ! »

La fratoj kalkulis kaj kalkuladis kaj tamen ne atingis alian rezultaton. La blankĉevalo de l'saĝulo restis. Okazis miraklo !

La fratoj kondukis la ĉevalon al la vera posedanto. Tiu tute ne miris. Li sagace ridetis kaj demandis :

« Nu miaj infanoj, ĉu la divido okazis laŭ via kontentiĝo ? »

« Ni estas kontentaj », ili elvokis unuvoĉe. « Ni plenumis la deziron de l'patro plej precize kaj via ĉevalo, ho saĝulo restis ! »

« Gloron al Allah », diris Mohamet Ben Ibrahim « Mi donacis al vi mian ĉevalon por ke estu paco inter vi. Sed mi diris al vi, ke Allah estas justa kaj certe redonos al mi mian ĉevalon, se estas lia deziro. Kaj vidu : Li redonis al mi mian blankĉevalon, nenion forprenante al vi. Atentu la instruon : neniam hezitu fordoni ion de troa havaĵo por helpi al proksimulo. Allah ne rifuzas la pagon por bona faro ! »

Ĝoje la fratoj iris hejmen kaj diskonigis la saĝon de Mohamet al ĉiuj samtribanoj. Ĉi tiuj siavice disvastigis ĝin inter aliaj triboj, tiel ke la tuta mondo miris pri tio.

Sed post multaj jarcentoj, matematikisto prenis krajonon en mano, kaj komencis kalkuli. Tiam li ekridis kaj diris : « Miraklo ? Tute ne. Nura kalkulekzemplo. »

La paperon sur kiu li faris sian kalkulon, la vento blovis sur maron. Pro tio, ĉiu, kiu ne kredas al la miraklo de Mohamet Ben Ibrahim, devas mem plenumi la kalkulon.

(Laŭ M. H.)

## Penseroj en taglibro de Szép Ernö

Saĝulo orienta instruas : Ci preferas ke cia oranĝo estu speciale dolĉa. Se jes, tiam mordu antaŭe en citrono.

⁂

Hodiaŭ mi ricevis per la poŝto presaĵon, kiu en Hungarlando estas farata nur por civitanoj pli aĝaj ol deksep jaroj.

Estas impost-admono.

⁂

Mia devizo estas : Pli bone neniam ol tro malfrue.

⁂

Ofte mi miras, ke fripono ne estas batata de sia propra bastono kun kiu li iras promeni.

⁂

Ekzistas kristanoj, kiuj frapas mian maldekstran vangon, atendante ke mi prezentu al ili ankaŭ la dekstran.

⁂

Ekzistas naturoj sen ŝarĝo, nekuraceble feliĉaj animoj ; ilia ĉagreno efikas kiel la neĝo sur ĉiamverdaj arboj.

⁂

Bildo de gefianĉoj.

La fianĉo rigardas la fianĉinon, la fianĉino jam okulumas kun vi.

⁂

Ĉefredaktoro foje diris al mi : mia tasko estas la plej simpla. Mi devas skribi precize la kontraŭon de tio, kion mi pensas.

# Socio kaj Lingvo

## La cigana lingvo

Kiu ne jam vidis la plej strangajn vagulojn en la mondo, la ciganojn? En Eŭropo, Antaŭa Azio, Norda Afriko, en Ameriko kaj Aŭstralio, ĉie ili estas konataj kaj ĉie la homoj rapidas gardi sian havajon ekvidinte la mizeran loĝĉaron tiratan per malgrasa ĉevalaĉo. Ja, ĉiu konas la ciganojn, sed kiu scias ion pri ili? De kie ili venis, kien ili vagas ? Eĉ se oni demandus ciganon mem, li ne povus respondi. Tamen ekzistas pri la ciganoj pli da literaturo ol pri iu alia popolo, sed ĉiuj libroj estas verkitaj de neciganoj, ĉar cigano ne estus kapabla priskribi sian popolon: li vivas sen sento pri tempo kaj loko kaj ne pensas pri iu kialo.

Nia scio pri la ciganoj estus tre malsufiĉa, se ne ekzistus la cigana lingvo. Pere de ĉi lingvo estas eble difini la originon de la ciganoj kaj la vojon, laŭ kiu ili migradis el sia hejmloko en aliajn landojn. En antaŭaj tempoj la homoj opiniis, ke la ciganoj venis el Egiptio aŭ ankaŭ ke ili estas restuloj de la tataroj, kiuj iam invadis grandajn partojn de Eŭropo. Pri tiu supozo ja atestas la nomoj, per kiuj la diversaj popoloj nomis la ciganojn. La signifon « egipto » havas la jenaj nomoj:

*angle* : gipsy
*hispane:* gitano
*katalane:* giptà
*aromune:* jiftu
*albane:* evgjit
*nederlande:* Egyptier, Gyptenaar
*malaje:* orang Zangi
*greke:* jiftos (kio ankaŭ signifas forĝisto, unu el la ĉefaj okupoj ciganaj).

En norda Eŭropo estas pli kutima la nomo « tataro » : Tater (nord-germane, dane kaj norvege) kaj tattare (svede). La deveno de la nomo « cigano » ne estas certa, eble ĝi estas identa kun la persa cenĝi : muzikisto aŭ dancisto, kio ja bone akordus kun la fama muziktalento de la ciganoj. Ĉi nomo estas nun la plej uzata:

*germane, nederlande, dane* : Zigeuner
*jude:* cigejner
*svede:* zigenare
*norvege:* sigöiner
*france:* Tsigan
*portugale:* cigano
*itale:* zingaro
*rumane :* ţigan
*litove:* čigonas
*latve:* čigans
*ruse, pole:* cygan
*blankruse:* cyhan
*ukraine:* cégan
*ĉeĥe:* cikán
*slovene:* cigan
*serbe, kroate, bulgare:* ciganin
*hungare:* czigány
*greke :* atsínganos
*turke:* çingane

Ĉar la francaj ciganoj ĉefe venis el Bohemio, (parto de Ĉeĥoslovakio) oni opiniis ilin esti bohemojn: Bohémien (france) kaj bóumian (provence). Kelkaj aliaj nomoj estas: mustalainen (finne) kaj mustlane (estone) ambaŭ kun la signifo « nigrulo », plue madjupi (albane), kêncú (armene), sôanî (hebree), navarî aŭ nûri (arabe) kaj keulî aŭ kerâĉî (perse). La ciganoj mem sin nomas « rom », kio signifas homo, kaj tiu vorto eĉ penetris en la anglan lingvon en la formo « Romany » (= cigana).

En la jaro 1763 la hungara teologo S. Vályi dum studado de antikvaj hindaj lingvoj unue atentiĝis pri la mirinda simileco inter hindaj kaj ciganaj vortoj. Post ĉi malkovro komencis multaj sciencistoj pristudi la ciganan problemon laŭ lingva direkto kaj hodiaŭ ĉiuj enigmoj estas solvitaj.

La cigana lingvo (romani ĉib) estiĝis en la nordokcidenta Hindio, la hodiaŭa Kaŝmirio,, el miksaĵo inter hindoĝermana (darda) kaj hindo-arja lingvoj. Supozeble jam tiam la ciganoj estis nomadoj, ĉar ilia lingvo enhavas vortojn el pluraj hindaj dialektoj. Eble dum la 5-a jarcento p. Kr. la unuaj hordoj formigris el Hindio al Persio, kie ili restis sufiĉe longe. Por ekkoni la parencecon de la cigana lingvo kun la arja (hindo-persa) lingvaro ni rigardu la jenan komparan liston pri numeraloj kaj pronomoj :

| | *cigana* | *sanskrite* | *hindustane* | *perse* |
|---|---|---|---|---|
| unu | jek | êka | ėk | jek |
| du | duj | dva | dô | do |
| tri | trin | tri | tîn | si |
| kvar | ŝtar | ĉatúr | ĉâr | ĉehâr |
| kvin | banĝ | pánĉa | pânĉ | penĝ |
| ses | ŝov | ŝaŝ | ĉhah | ŝeŝ |
| sep | efta | sápta | sât | heft |
| ok | oĥto | áŝta | âth | heŝt |
| naŭ | eña | náva | naŭ | nuh |
| dek | deŝ | dáŝa | das | deh |
| cent | ŝel | ŝatá | saŭ | sed |
| mi | me | (me) | main | men |
| ci | tu | (tu) | tû | tu |
| li | job, voi | sas | wah | û |
| ni | amen | asmân | (hamên) | mâ |
| vi | tumen | yuŝmân | (tumhên) | tumâ |
| ili | jon, von | tâs | wê | îŝân |

La cigana lingvo estas do ido de la antikve-hinda sanskrito, el kies deklinaj kazoj la cigana nur perdis la lokativon kaj la tutan dualon. La deklino de la vorto « nomo » aspektas ekz. jene:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| nominativo: | o nav | = | la nomo | i nave | = | la nomoj |
| genitivo: | e naveskero | = | de la nomo | e navengero | = | de la nomoj |
| dativo: | e naveske | = | al la nomo | e navenge | = | al la nomoj |
| akuzativo: | e naves | = | la nomon | e naven | = | la nomojn |
| vokativo: | naveja | = | nomo ! | navâle | = | nomoj ! |
| ablativo: | navestar | = | el la nomo | navendar | = | el la nomoj |
| intrumentalo: | naveha | = | per la nomo | navenca | = | per la nomoj |

La sistemo de la verboj iĝis pli simpla ol en sanskrito, ĉar perfekto, pluskvamperfekto kaj futuro formiĝas helpe de la vortoj « havi » kaj « esti » kiel en la eŭropaj lingvoj. *(Daŭrigo sekvos)*

# Jara kongreso de la Federacio de Centra Montara

La jara kongreso de Centra Montaro Federacio (Francujo) okazis la 22-an de Majo en la fama banurbo Vichy. Ĝi havis grandan sukceson.

Krom la membroj aŭ delegitoj de la ok grupoj — lokitaj en sep departamentoj — el kiuj ĉefe konsistas tiu federacio, multaj samideanoj venintaj precipe de Parizo, Lyono, St-Etienne, Chalon-sur-Saône, Romans, k.t.p., respondis la inviton de la « Reĝino de la Banurboj » kaj ĉeestis tiun kunvenon.

Matene, en la luksa urba festoĉambrego, pli ol kvar cent ĉeestantoj partoprenis la laborkunsidon, kiun prezidis S-roj Chardonnet vic-urbestro, malnova kaj varma esperantistoj kaj D-ro Paul Fruictier, konata samideano, prezidanto de la Federacio.

Legante la jaran raporton, la federacia sekretario, S-ro Daniel Chagnoux memorigis ke, antaŭ apenaŭ unu jaro, dum fama kongreso en Montluçon, la Federacio prenis gravan decidon eksiĝi el la nacia societo franca SFPE por ne esti devigata aliĝi al IEL kies starigon ĝi tute ne aprobas.

« En ĉi tiu momento, li diras, oni anoncis al ni tujan katastrofon ni devis « sekiĝi kiel branĉo el tranĉita el arbo ». Jen momento ekzameni la rezultojn. »

Kaj, per ciferoj li montras tiujn rezultojn, li klarigas kiamaniere, unu post alia, kvar novaj grupoj estiĝis aŭ renaskiĝis kaj venis aniĝi al Federacio kiu, en la daŭro de malpli unu jaro duobligis ne nur la nombron de siaj grupoj sed ankaŭ la nombron de siaj membroj.

La raportanto montras ankaŭ kiel la sendependa situacio de la federacio permesis instigi kaj intensigi la propagandon por nia movado.

Tial, — kiam indikinte ke, nun, la nacia societo sendube ne plu devigus la federacion aliĝi al ne ŝatata internacia organizajo — li demandis ĉu estas necese diskuti la demandon realiĝi al SFPE, unuavoĉe la kongresanoj opiniis por daŭrigo de la nuna situacio.

La konkludoj de la raporto celante al komuna programo kun aliaj sendependaj asocioj estis akceptitaj kun aplaŭdoj.

La laborkunsido estis interrompita je la dekunua, ĉar S-ro Urbestro de Vichy atendis la kongresanojn en la riĉega salonego de la urbopalaco por deziri al ili bonvenon kaj proponi al ili honoran vinon. Per kortuŝitaj kaj spritaj vortoj li diris sian kontenton vidi Vichy, vera internacia urbo, kie ĉiuj popoloj el la tuta tero sin renkontas antaŭ la resanigaj fontoj, akcepti la kongreson de homoj kiuj klopodas al starigo de la internacia helpanta lingvo.

Poste, la kongresanoj reiris la laborĉambron kaj la kunsido, kiu estis komencita per kanto de « La Espero » respekte kantita de ĉiuj, finiĝias per la ĝoja kanto de « La Krokodilo », la fama kanto de la federacio, kies parolojn, laŭ loka junulgasteja kanto, ni ŝuldas al F-ino Zamenhof.

En ĉambrego « Rex » okazis poste, granda festeno dum kiu multaj kantoj, kies paroloj kaj muzikon ĉiu trovis en la kongresa koverto, eksonis gaje dum ĉampano fluis malavare.

La tago finiĝis per tre interesa travido de la luksaj banejoj, unikaj en la mondo, kaj vizito de la junula festo en la granda sportejo de Bellerive.

Ĉiuj, kiuj deziris, ricevis bileton por agrable finigi la tagon, ĉeestante senpage la spritan komedion « Tri-ses-naŭ » en teatro Grand Casino.

La kongreso faris en la urbo Vichy grandan impreson kiu tre utilos tie la disvastigon de nia kara lingvo.

**Amerikaj Esperantistoj, Atentu !**

# Pedagogia Cseh-Kurso de Lidia Zamenhof en Ameriko

**11a - 22a de Julio**

La esperanta movado en Ameriko urĝe sentas bezonon de lertaj instruistoj, kiuj kapablus veki entuziasmon kaj modele instrui la lingvon. La Cseh-metodo, kiu en Eŭropo faris tiom da servoj al Esperanto, ne estas ankoraŭ sufiĉe konata en Ameriko. Ĉar estas malfacile venigi Cseh-instruistojn el Eŭropo, necesas, ke Ameriko havu pli multe da propraj Cseh-instruistoj.

Al tiu ĉi celo servos Cseh-kurso, kiun f-ino LIDIA ZAMENHOF gvidos de la IIa ĝis la 22a de julio, po kvar horoj ĉiutage. La kurso okazos en studoĉambro de la Bahaa Somera Lernejo « Green Acre » en Elliot, Maine, dank' al afableco de la Bahaa Spirita Konsilantaro, kiu disponigas ĉi tiun lokon al la esperantistoj.

« Green Acre » troviĝas en pitoreska loko, ĉe la bordo de la rivero Piscataqua, en distanco de kvin mejloj de Portsmouth, N. H. Ĝi estas atingebla el Portsmouth per aŭtobuso. Personoj loĝontaj en la gastejo de « Green Acre » povas esti venigitaj el Portsmouth per aŭtomobilo.

La kurson povos partopreni : 1) neesperantistoj, dezirantaj lerni la lingvon, 2) esperantistoj, kiuj deziras studi la Cseh-metodon kaj povos, partopreninte la kurson, ricevi de la Internacia Cseh-Instituto rajtigon pri Cseh-instruado.

Amerikaj Samideanoj ! NE PRETERLASU ĈI TIUN UNIKAN OKAZON ! Jen la ebleco konatiĝi kun la mirinda metodo, kiu permesos al vi pli efike labori por Esperanto kaj puŝegi anstaŭen nian Aferon en Ameriko ! Ne prokrastu !

Kotizo por la kurso — 5 dol.

Personoj, dezirantaj loĝi en la gastejo de « Green Acre », skribu plej baldaŭ al s-ino Flora Valentine, administrantino de la gastejo, 142 Regent St., Saratoga Springs, N. Y. Post la 15a de junio la adreso de la administrantino estos : Green Acre Inn, Elliot, Maine.

La prezoj en la gastejo (loĝado kaj manĝado) estas de 12 ĝis 18 dol. semajne. La lokoj estas limigitaj. Do, decidu senprokraste !

## Bibliografia Servo

*** La Turo pri Honoro al la Flandraj Herooj en Diksmuide. Eld. Sekretariejo pri Izerpilgrimado, Maria Doolaeghestraat 39, Diksmuide (Belgujo). 16 paĝoj. Formato 21×13,5 cm. Senpaga. (1938-4).

*Adalberto Bangha S. J.:* Vivo de ni vivo, trad. Margareto Bolvary S.J.C. Eld. La Ligo de Jesu-Koro, Maria-strato 23, Budapest VIII (Hungarujo). 55 paĝoj. Formato 16,5×11,5 cm. Prezo : 2 respond-kuponoj. (1938-5.)

*D-ro Bjorn Collinder:* La problemo de lingvo internacia, laŭ serio de radio-prelegoj. Publikigis Paul Nylén. Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). N° 14-15. 62 paĝoj. Formato 19,5×13,5 cm. Prezo : Gld. —.35 aŭ 3 respond-kuponoj. (1938-6.)

*A. Couto Fernandes:* Vocabulário Esperanto-Portugues (Esperanta Radikaro — oficialaj radikoj — kun Portugala Traduko). Tria eldono. Eld. Brazila Ligo Esperantista, Marechal Floriano 212, Rio de Janeiro (Brazilo). 69 paĝoj. Formato 18,5×13 cm. Prezo : 2 Milreisoj + 10 % sendkosto. (1938-7.)

*D-ro Karl' Mocsi:* La Supermono (la solvo de la monmanko). Eld. D-ro Karl' Mocsi, Mociu (Jud. Cluj) Transilvanio (Rumanujo). 16 paĝoj. Formato : 23×15 cm. Prezo : Frk. sv. —.30 aŭ unu respondkupono. (1938-8.)

*Paul Neergaard:* Terminaro hortikultura seslingva : Esperanta, angla, dana, sveda, germana, franca, kun difinoj en Esperanto. Eld. Sennacieca Asocio Tutmonda, 67, avenue Gambetta, Paris-20 (Francujo). 32 paĝoj. Formato 17×13 cm. Prezo : Gld. —.35 aŭ Frk. fr. 6.50. (1938-9.)

*Henrik Seppik:* La Tuta Esperanto, gramatiko por progresintoj, gvidlibro por kursestroj. Eld. Literatura Mondo, Soroksari-ut. 38, Budapest IX (Hungarujo). 182 paĝoj. Formato 19×13 cm. Prezo ne indikita. (1938-10.)

*Delfi Dalmau, L. K.:* Didakta, Ilustrita lernolibro de Esperanto por Praktika Komenca Kurso. Nova eldono plibonigita laŭ internacia kritiko kaj recenzo. Eld. Delfi Dalmau, Apart. 5081, Barcelona (Katalunujo-Hispanujo). 29 paĝoj. Formato 24×17 cm. Prezo ne indikita. (1938-11.)

*Karel Jaromir Erben:* Budeko, el ĉeĥaj naciaj mitoj, trad. D-ro Tomáš Pumpr. Eld. Esperanto-Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubliko, Truhlarska 16, Praha II (Ĉeĥoslovakio). 96 paĝoj. Formato 20,5×15 cm. Prezo : broŝ. USA-Dolaroj —.60 ; tole bind. kun luksa papero 1.30, afrankite. (1938-12.)

*Bernardo Ojasono:* Fragmentoj. Presita de « Kiirtrükk », Rüütli 4, Tallinn (Estonio). 80 paĝoj. Formato 19,5×13,5 cm. Prezo : Frk. sv. 1.—. (1938-13.)

*Gyula Török:* Rozinjo, trad. el la hungara originalo K. Kalocsay. Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). N° 16. 40 paĝoj. Formato 19,5×13,5 cm. Prezo : Gld. —.35 aŭ tri respond-kuponoj ; en abono —.25 (1938.14.)

*Charles Dickens:* El la Londona Skizlibro, trad. el la angla lingvo Fred Wadham. Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). N° 17. 31 paĝoj. Formato 19,5×13,5 cm. Prezo : Gld. —.35 aŭ tri respond-kuponoj ; en abono —.25. (1938-15.)

# Turisma Servo

En antaŭa numero de " Esperanto " ni anoncis du turismajn presajojn ĉeĥoslovakajn. Hodiaŭ ni povas anonci novan, tian pri urbo

## Olomouc

unu el ĉefaj urboj moravaj, iama rezidejo de l' pŝemislidaj princoj. Remparoj kaj konstruajoj mezepokaj bone konservitaj atestas pri la pasinto.

La nuna gvidlibro, 21 × 19 cm,, 16 paĝa estas bildolibro laŭ kupropresado. La teksto estas metita inter la bildpaĝoj, praktika maniero, samtempe evitante represon plurfojan de samaj bildoj kun ŝanĝanta teksto. La teksto en Esperanto, ne tro detala sed ĉiel sufiĉa kaj klara, informas pri ĉio sciinda. Kaj kvazaŭ por agrabligi promenadon, troviĝas ĉe la fino dulingva manĝokarto. La tekston tradukis samideanoj Jozef Blazek kaj Albin Neuzil kaj eldonis la gvidlibron la Urba Konsilantaro. Oni petu ĝin de l'Propagand-Oficejo Urba aŭ ĉe la Esperanto-Societo, Masaryk-Placo 13, Olomouc.

### Interŝanĝo

S-ro Nissim Israelov, Apoteko Gerson, *Dupnico* (Bulgarujo), dez. intersanĝi kun gesamideanoj el tuta mondo. Esp. gazetojn kaj librojn.

### Laborkondiĉoj

S-ro Atanas Marinov Necov, Vilaĝo *Drenovec* (Bulgar., Razgradsko), 13 jara vilaĝa esperantisto, dez. korespondi kun gesamideanoj el la tuta mondo pri laborkondiĉoj kaj aliaj aferoj.

### Lernejaj demandoj

S-ro Stefan K. Granĉarov, instruisto, Vilaĝo *Straklevo* (Bulgar., Rusensko), korespondas pri lernejaj demandoj, serĉas ĉiulandajn gekorespondantojn.

### Mekaniko

S-ro Stojan St. Oŝahov, maŝinisto, Vilaĝo *Straklevo* (Bulgar., Rusensko), interesiĝas pri mekanikaj temoj kaj volonte korespondus daŭre kun gesamideanoj el ĉiuj landoj.

### Lernejaj temoj

S-ro Radi Petrov Kacarov, instruisto, Vilaĝo *Stanĉov-Han* (Bulgar., Trevna), korespondas kun ĉiulandaj gesamideanoj pri lernejaj temoj.

### Okultismo

S-ro Petr Vasilieviĉ Ŝĉetkin, Ovsjanyj rjad 1, *Gorod Pavlov*, Gorjkovskoj obl., na reke Oke, USSR, serĉas korespondi kun okultistoj-spiritistoj.

### Korespondado

18 jara fraŭlino volas korespondi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj. F-ino Bozanka Cariĉeviĉ, *Irig*, Jugoslavio.

### Poŝtmarkoj

S-ro Odon Horak, Česka Skalice-Ĉeĥoslovakio, deziras interŝanĝi P.M. kun ĉiuj landoj, preferas balkanajn kaj baltajn landojn.

Zdenek Blazek, advokata oficisto, *Mnichovo Hradiště*, Ĉeĥoslovakio, dez. interŝanĝi poŝtmarkojn kun tutmondo. Ĉiam respondas.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1938-5

**Bilanco 1937**

La Provizora Komitato de UEA decidis kontroligi la bilancon de 1937 per profesia spertulo. Jen la raporto kiun tiu ĉi sendis al la prezidanto de la P.K. :

Konforme al la komisio per kiu vi bonvolis min ŝarĝi, mi esploris la bilancon de la Universala Esperanto-Asocio por la negoca jaro 1937, kun fino oktobro. Mi plenumis tiun ĉi laboron dum tri posttagmezojn, sabaton, lundon kaj mardon, 23, 25 kaj 26-an de Aprilo kaj mi permesas al mi, raporti al vi pri tio.

1. Mi esploris la bilancon de la negoca jaro, kiun mi trovas konforma al la starigita budĝeto siatempe.

La misproporcio inter la elspezoj kontraŭ la enspezoj ja estis antaŭvidita kaj klariĝas certe el la naturo de la entrepreno, la nunaj cirkonstancoj kaj laŭ la devoj rezultiĝantaj laŭstatute por la gvidantoj de la Asocio.

2. Mi esploris — kiel kontrolprovo — tutan monaton — Majo 1937 — kaj konstatis, ke la enskriboj konformiĝas al la pruvdokumentoj.

3. Plie mi kontrolis la unuopajn bilancpostenojn laŭ la kontoj kaj pruvajoj kaj ne povas ion kontraŭdiri.

Resume mi konstatas, ke la librotenado estas farata en plena ordo, ke la dokumentoj pri la enskriboj estas facile troveblaj kaj ke ĝenerale la librotenado faras netan impreson.

Mi povas plenkonscie rekomendi al la Komitato la akcepton de la jara kalkulo, korekte starigita, formale kaj afere.

*Subskribo :* St. Berger.
Ĉeflibrotenisto.

Genève, 28 Aprilo 1938.

**Subtenantoj 1938**

La sekvantaj personoj bonvolis helpi nian agadon, aliĝante kiel Membro-Subtenantoj :

*Listo 4 :*

41. S-ino Erna Zimand, Kolomyja, Polujo.
42. S-ro Djura Borošić Beograd, Jugoslavio.
43. S-ro J. M. Duinker, Den Burg, Nederlando.
44. S-ro J. v. d. Plas, Rotterdam, Nederlando.
45. S-ro Franc Pasetta, Vrhnika, Jugoslavio.
46. S-ro Bogdan Popoviĉ, Beograd, Jugoslavio.
47. S-ro R. Ŝtamers, Liepaja, Latvio.
48. S-ro Inĝ. Zimmermann, Sélestat, Francujo.
49. S-ro Jules Wolf, La Chaux-de-Fonds, Svislando.
50. S-ro William Brown, Inglewhite, Lanc., Britujo.

**Delegitoj de UEA.**

Per la nuna numero ni komencas reaperigi la ŝanĝojn en la adresaro de la Delegitoj de UEA kaj la novajn D.

La Adresaro 1938 indikas D en 425 lokojn. Nia celo estas atingi ĝis la jarfino D en 500 lokoj. Personoj, pretaj akcepti la taskon aŭ kiuj konas personon en loko sen D, atentigu pri tio la C.O. Afablan dankon.

**Statistiko :**

*Nombro de lokoj kun D*

| | |
|---|---|
| laŭ Jarlibro 1938 | 425 lokoj |
| Forstreko : Aŭstrio | —13 » |
| Stato post 12.3.38 | 412 lokoj |
| Novaj D laŭ nuna listo ............ | 12 » |
| Stato je la 15-a de Majo ............ | 424 lokoj |

## Novaj Delegitoj

*Baldock* (Britujo — Herts.) *D.:* E. A. Allsop, 8 London Rd.

*Beekbergen* (Nederlando — Gelderland) *D.:* J. Noordhoek, Arnhemscheweg 478.

*Birmingham* (Britujo — Warwick) *D.:* John Collier, « Zamenhof », 14 Warren Hill Rd, Erdington.

*Blijham* (Nederlando — Groningen) *D.:* F-ino J. Nijboer, Instruistino.

*Burgas* (Bulgarujo) *D.:* Torkom Aslanjan, Teknikisto, Strato Sv. Sv. Kiril-Metodi 68.

*Garstang* near Preston (Britujo — Lancs.) *D.:* E. C. Malle, East View Bonds.

*Gjelekovec* kod Koprivnice (Jugoslavio — Banovina savska) *D.:* Izidor Riznar, Školski nadvornik.

*Heverlee* (Belgujo — Brabanto) *D.:* Lode Cnops, Universitata Studento, Broekstraat 21.

*Jerusalem* (Palestino) *D.:* F-ino Selma Mośicki, Zefania-strato 25.

*Leiden* (Nederlando — Sud-Holando) *D.:* G. J. Beumer, Apothekersdijk 7.

*Leuven* (Belgujo — Brabant) *D.:* Hubert Boving, oficisto, Capucienen Voer 104.

*Reykjavik* (Islando) *D.:* Haraldur Johannsson, Bibliotekisto, Baronsstig 19, *VD.:* Gudmundur Sigurdsson, Varmakva instalisto, Falkagata 19.

*Sydney* (Aŭstralio — New South Wales) *VD.:* F-ino Anne Shirvington, Stenografistino ĉe Sydney Esperanto Society, 12 Ennis Road, Milson's Point, *VD.:* Charles Arthur Lambert, Ĥemiisto, 24 Chisholm Street, Greenwich.

**Jarlibro 1938**

eliris de Beograd inter la 20-a kaj 25-a de Majo 1938. Ĝi estis sendita al ĉiuj por 1938 pagintaj anoj, al la Honoraj kaj Dumvivaj Membroj. Per ĝi, UEA reprenas la tradician aperigon de la *Jarlibro de l'Esperanto-Movado* laŭ la konata aspekto kaj enhavo.

Ĝi devis aperi pli frue, sed pro manko de la kompostmaterialo (matricoj) en la presejo, kaj la nekutimo de la laboro por la tipografistoj, la kompostado kaj korektado daŭris iom pli longe. Ni sekvis ofte aŭditan rekomendon presigi en landoj favoraj, rilate je prezo. Konsilo facila, realigo ofte ne.

Ni esperas ke la membro akceptis kun plezuro la novan jarlibron.

**Interrilata Adresaro**

aperis en la jarlibro. Aro da adresoj venis pli malfrue, eĉ ankoraŭ en Marto-Aprilo. Ni ilin represigas en ESPERANTO sinsekve.

**Germanaj Abonantoj**

ricevos la Jarlibron 1938 dum tiuj tagoj, kiel premion.

**Esperantista Libertempejo**

okazas en Brunnen, Svislando. Kun la nuna numero estas sendata invitilo, kiun ni speciale rekomendas al la bonvola atento de la legantoj.

**Foresto de l'Administranto**

Pro foresto de l'administranto dum du semajnoj 1-15 Junio la korespondado haltos iom.

# Ĉeĥoslovaka Radio-bulteno

**Programo : Junio**

2-a Junio 1938, Brno, Praha I, Mor. Ostrava, Bratislava, Košice, Banska Bystrica.

22.35-23.30 MET. — Esperanta horeto.
1) Novajoj.
2) Iom da muziko.
3) Douglas P. Boatman (Anglujo).

*Kara Margareto*
Radio-komedio.

*Personoj :* S-ino Trut, maljunulino ; S-ino Riverflu, ŝia nevino ; S-ro Riverflu, ŝia edzo ; Sara, servistino ; S-ro Rauk, notario ; Margareto.

Ludiĝas ĉe sinjorino Trut kaj ĉe la geedzoj Riverflu.

Ludas la anoj de TRAKT, Regio Antonín Klimes.

*Moravska Ostrava*

ne plu disaŭdigos la Esperantoparoladojn dum junio. Ili estos rekomencitaj en la vintrosezono, do depost aŭgusto 1938.

*La Mallongonda Stacio Praha*

ne disaŭdigis pro programaj kaŭzoj la Esperanto-horeton de la 22-a majo. La venonta mallongonda disaŭdigo estos anoncita per speciala bulteno.

*Nia Lasta Ĉisezona Horeto*

estos disaŭdigata la 4-an de julio je la 22.30-22.50 MET. Ĝi estos rekta raportado el la X-a universala Sokol-olimpiado en Praha. La detalojn ni anoncos per speciala, presita kaj ilustrata bulteno, ekspedota jam post nelonga tempo.

# Esperantista Interhelpo

Per la nuna rubriko ni alvokas la samideanojn en landoj akcepti antaj *ne-politikajn* rifuĝintojn al ekzilitojn. Pro bona motivo ni ne konigas nomojn tie-ĉi. Samideanoj povantaj *helpi, interveni, konsili* sin turnu al Esperantista Interhelpo, Palais Wilson, Genève.

**Demando 1**

Eks-aŭstriano, 46-jara, aktive laborinta por la movado, serĉas rifuĝon en transmara lando, Aŭstralio, Novzelando, Ameriko. Per dis oficon pro rasa kaŭzo ; riceva regulajn paperojn, ĉar politike ne suspektita. Konstru-inĝeniero. Laboris en gravaj firmoj pli diversaj, disponas je brilaj atestoj. Dum 9 jaroj ŝtata oficisto studis juron ; bona organizanto kaj energia. Akceptas kion ajn. estas sana, energia, senfamilia. Bona karaktero.

**Demando 2**

Hungara ŝtatanino kun knabo parolanta krom E-on la germ anan, sperta mastrumantino ser ĉas rifuĝon en lando ne rifuzanta viktimojn de nuna maltoleremo. Juna, sana, laborema kaj mod esta. Posedas regulajn dokument ojn de origino, pasporton k.t.p. Politike ne-ŝarĝita kaj ne-sus pektita.

### Esperantista Vivo

Melbourne Esperanta Klubo petas leterojn de seriozuloj pri Esperanta Vivado ĉe via rondo. Plumu vian leteron klarskribe (aŭ maŝinskribe) kun almenaŭ cent vortoj. Taŭgan respondo garantias, Melbourne Esperanta Klubo, Box X.2723, Eliz. St. G.P.O., Melbourne, Aŭstralio.

### Esperantajoj

*Frouard* (Francujo, M.-M.). — S-ro René Hug, gare, dez. ricev esp. gvidlibrojn turismajn, spec imenojn de gazetoj, varbilojn komercajn reklamilojn en Esper anto.

### Junula korespondado

*Catania* (Italujo). — S-ro Giu seppe Guerrera, Via Gramignan 35, 15 jarulo, dez. kor. ku gejunuloj 12-16 jaraj pri junul aferoj.

### Lingvistiko Literaturo-Folkloro

S-ro Simeon St. Hesapĉiev gimnazia profesoro de bulgar lingvo kaj literaturo, *Sevliev* (Bulgar.) korespondas k.ĉ.l. pri lingvistiko literaturo, folkloro interŝanĝas folkloran materialo vortarojn k.a. librojn, pri instru ado kaj enkonduko de Esp. e lernejojn.




**Fondinto : H. Hodler, † 1920**
**Redakcio : Genève.**
**Red.: Provizora Komitato de UE**
Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato : 31 Majo 1938